# PENSEO

N-ro 276

okt. / 2014

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 25-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### aŭguro

tri porkoj fuĝis el stalo.
post ili mi kuris sur monteto arboplena.
ĉu mi estos riĉa aŭ fekunda?
aŭguristo diris: nun vi vivas pasiprema.



2012.10.27 - 14

### virtualan dimanĉon

matene mi diskutis pri io kun iu
netuŝebla en senmura ĉambro.
silento tondre breĉis tempajn zonojn.
la terpilkon fandis la ingvena ambro.



2012.10.28 - 28

### izolitaj ŝercoj

mi estas fore de li, ŝi, ĝi...
en la nokto sonĝa kaj la taga sonĝo.
menso ne regas propran karnon;
acida la pluvo subtere okazas de zomo
al plonĝo.

2012.10.29 - 2

### opio

o, pio tentas hipokriton.
oro naskiĝas sen amoro.
enkotigante siajn ostojn,
spiritoj ĝemas sub la floro.

2012.10.30 - 8

## Eĉino (Ĉinujo)



### Wuhan en Mia Koro

Wuhan — la plej aminda en mia koro,
por naŭ provincoj kruciĝej' avenua.
Okazis en jar' mil naŭcent dek-unua,
epokfara revolucio kun gloro.

Liuta Teraso ĉiam je memoro.
Imponas fama Pavilono Flavgrua.
Wuhan — la plej aminda en mia koro,
por naŭ provincoj kruciĝej' avenua.

Nun progresas je ĉiu tago kaj horo,
la urbo ŝanĝiĝas pli kaj pli influa.
Allogas nia urbo per vivo brua,
per frandaĵ-furoro kaj folklora moro.

Wuhan — plej kara hejmo en mia koro!



2014-09-06

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Jibananda Das

Elĉerpita, la Poeto
flirtas je Morto
per amvana gravedeco.

Jibanananda Das, jen
la mielo de l’ suno
gutas el viaj okuloj
'kiaj birdnestoj' ...

Kaj via tereca verso
diamante fluas
kaj fekundigas la lirikon
de ĉiuj tempoj.

Vi ne povas min vidi,
sed mi kunestas,
vid-al-vide, en la silento
de via neesprimebla Poezio.



Juiz de Fora, 17/08/2014.

### Portalo

En la menso, ĝardenas
kuniĝantaj animoj
kiel ondoj el mi.

En la mens’, mar’ el fajr’
estas kling’, kiu naskas
kaj skulptas la deliran
ekzistadan defion.

Deliro el lilioj,
la menso de l’ poeto
rekreas universon
por ke ĝi kuŝu plene,
sentime, ĉi-verse.



Juiz de Fora, 22 /08/ 2014.

## Mori (Usono)



### Lia moŝto

Sur l' kapo de lia moŝto
estas nigra turbano
Tio rajtigas lin vivi
samkiel pigra sultano
Li decidas kiel Dio
pri mia vivo kaj ĉio
Se Dio la plej grandas
Lia moŝt' pli grandas ol tio!
Glavon tenas en l` mano
en l' alia kuŝas Korano
Li povas dehaki kapon
kiel vi demetas ĉapon!
Mi do mian langon tenu
"Grandreĝon" mi ne ĝenu
Ĉar mi : simpla civitano
kaj li: potenca tirano!



## Skorpio kaj rano

Skorpi' volis trapasi riveron
ĝi kun rano diskutis la aferon;
Ĉu vi povus surdorse min transporti
ĉar mi timas en la rivero morti
Rano tuj respondis :" Ne, mi ne povas
ĉar ekpiki min surdorse vi provas"
Skorpio diris:" Ne, mi ne pikas,
ranon, kun kiu mi certe amikas!"
Rano do surportis ĝin trans la river'
mortpikon sentis atinginte al l' ter'
Rano mortante diris:" Vi forgesis
tion, kion vi amike promesis!"
Skorpi' respondis kun bedaŭro;
"Pikado ja estas mia naturo!"

Saĝuloj diras ; "Ne ĉiam kulturo
helpas homon kun malica naturo!"



### Paŭlo Silas (Brazilo)



## MANKO

Unu briko mankas al la konstruaĵo.
La cemento jam sekiĝis!... Kion fari?
Antaŭvidas tio, ke la maturaĝo
En kompletan malkonstruon povas fali.

Mankas unu briko,
Kiun konstruant' jen ŝparis.
Mankas la decido.
Kiu povas ĝin deklari?

Mankas vorto ene de l' agad-vortaro.
Jam paliĝis la novaĵoj!... Kiel krei?
Majstran verbon maĉis la fereca frazo.
Ĉu ankoraŭ la kreaĵoj povas eki?

Mankas majstra vorto.
Kiun frazoj plu obeis?
Mankas la provoko,
Kiu staton volis nei.

Mensaj homaj ĉenoj sen la ĉefĉenero.
Strukturiĝas la libero!... Kia ŝanĝo?
Cerbo estas manĝo por altigi sperton.
Hom' akiras al demando la aserton.

Kia homa stranga manĝo...
Tute strange manĝas homo,
Sin sensoifigas per la sango
Kaj ne prizorgante pri la manko
De la necesata briko,
De la verb' en sia viglo...

### Siv Burell (Svedujo)



## Vojaĝi suden



pentraĵo de la aŭtorino

Miaj najbaroj forlasas Svedion
dum tempo, kiam vintro restas.
Revenas en aprilo, havas ideon,
ke ili migrobirdoj estas.

Per aviadilo, ne flugiloj,
iras al suda kaban',

donaco de la filoj,
por ke ili restu je san'.

Sed kion ili do faras
dum kvin monatoj tie?
Lokanoj al ili ne aras,
sed banstrandoj troviĝas ĉie.

Ĉu sufiĉas la sunbano
kaj malmultekostaj drinkaĵoj
en luksa kabano?
De la maro estas dek paŝoj.

Tiuj, kiuj vojaĝas
kutime havas multe por rakonti
sed ili ne!

## La malnovaj tekstoj

Por homoj en la nuna jarcent'
ne taŭgas malnovaj, sanktaj testoj,
sed multaj pledas por atent'
al laŭliteraj interpretoj.

En moderna hospital' ni sciis,
ke malnova instrument' ne taŭgas,
kiu en Jesua temp' funkciis,
sed nun de aliaj anstataŭas.

Honorindas tamen tiuj skriboj,
kiel fon' por postaj scioj.
Oni ridetas al la ekstremecoj,
sed ĝuas je mirindaj pecoj.



Pentraĵo de la aŭtorino

## Elli Michler



## Se la amo vin portas

Se oni amas vin, vi demetas ĉiujn maskojn
sincere,
vi moviĝas malferme kaj libere.
Se oni amas vin, vi ne pro lert' valoras.
Se oni amas vin, oni vin mem adoras.

Se oni amas vin, vi ne ĉiam devas ridi, fanfari.
Jen ja vi povas eĉ plori pro tristo.
Se oni amas vin, vi rajtas eĉ erari.
Kaj vi tamen ne estas fiisto.

Se oni amas vin, vi parolas pri limoj,
viaj mankoj kaj febloj,
kaj vi ne devas silenti pri la timoj,
male al homoj sen tiuj ebloj.

Se oni amas vin, vi rajtas havi sopirojn,
aŭ, ke revo vin kaptas.
Spite stultecojn kaj preterirojn,
oni indulge kaj pace vin traktas.

Se oni amas vin, vi ne ĉiam demandas
pri la supozebla prez'.
Vin portas la am', eĉ se vi grandas,
kviete, preskaŭ sen pez'.



*Tradukis*



**Cezar (Germanujo)**

## Valentina Canzino

(kantteksto)




Ami estas stari
Mano-en-mane
Antaŭ la vivo
Kune kun vi.
Ami estas manĝi
Ĉe sama tablo
La ĉiutagan panon
Kune kun vi.



*Refreno:*

Sed vi silentas, ne vidas min
kaj miaj vortoj afliktas vin.
Sed vi silentas, ne vidas min,
ĉar vi ne amas, vi ne amas min.

Ami estas danci
En somera pluvo
Kun nudaj piedoj
Kune kun vi.
Ami estas sperti
Pli feliĉajn tagojn
En malfruaj noktoj
Kune kun vi.

*Refreno*

Ami estas revi
Aŭdacajn revojn
En trankvilaj tagoj
Kune kun vi.

Ami estas kanti
En ĉiu vespero
Kanti tiun kanton
Kune kun vi.

*Refreno*

*Tradukis* **Cezar (Germanujo)**

## Carlos Matari



### La pluvo

(kantteksto)

Pluvas
La trotuaroj malsekaj estas
Neniu spuro sur ili restas
La pluvo nian sekreton tenas.

Pluvas
ĉe la fenestro mi vin sopiras
la tagoj fremdas kaj min korŝiras
malvarma tempo brakumas min

La pluvo falas sur la tegmentojn
Kie sidis ni intime
Kaj endormiĝis sen duboj, sentime,
Sine de aŭror'.

Ĉi-hore la trinkejoj ne deĵoras
Sur min la pluvo serene ploras
Ĉar vi estas for
sen vi mi sentas ke mi senkuraĝas
Kaj la vundoj min damaĝas
Se mi ne plu aŭdas vin

Pluvas
kaj ĉiuj vortoj fariĝas nulo

dum en la noktoj min hantas dubo
pri la destino de tiuj kisoj

Pluvas
Silento ŝvebas en la kvartalo
La suno strebas tra nubo-baro
Por plensekigo de trotuaro
Por plensekigo de la tegmento
Kie sidis ni intime,
Kaj endormiĝis sen duboj, sentime,
Sine de aŭror'.

Ĉi-hore la trinkejoj ne deĵoras
Sur min la pluvo serene ploras
Ĉar vi estas for
sen vi mi sentas ke mi senkuraĝas
Kaj la vundoj min damaĝas
Se mi ne plu aŭdas vin

Sur la tegmentoj kie sidis ni intime,
Kaj endormiĝis sen duboj, sentime,
Sine de aŭror'.

Ĉi-hore la trinkejoj ne deĵoras
Sur min la pluvo serene ploras
Ĉar vi estas for
sen vi mi sentas ke mi senkuraĝas
Kaj la vundoj min damaĝas
Se mi ne plu aŭdas vin

Se mi ne plu aŭdas vin



*tradukis*



**Svena Dun (Hispanujo)**

## Michel Sardou



# Mari' bela

Mari' :
Iu malgrava virinet'
Nomanta min « koret' »,
Pendis mia feliĉ'
Al ŝia kol'.
Mari'! Mi memoras ĉion
Sekiĝis mia plor'
Kvietiĝis mia kor'
Sur cia sin'.

Mari', bela,
En ĉiel' ci 'stas,
Kaj mi sube,
En ĉiel' ci 'stas,
Kaj mi sube.

Tutsola virin' kaj infan'.
Neniu alparolis nin.
Mi pri l' homoj, pri l' tim'
Ne forgesas;
En tiu muta koridor'
El laŭvicaj domoj
Fermis la fenestrar'
La palpebrojn.

Mari', bela,
En ĉiel' ci 'stas,
Kaj mi sube,
En ĉiel' ci 'stas,
Kaj mi sube.

Vivantan senvire

Lup-ekscitis viroj
Cin vidante.
Ci ‘stis sen posedant’
Ilin ne posedat’
Frenezigis.

Mari’,
Iu sengrava virinet’
Al mi amon lernis,
Al mi por ĉiam donis
Propran econ.

Mario, bela,
Ci ‘stas en ĉiel’,
Ĉe l' bona Di',
Ci ‘stas en ĉiel’
Ĉe l'bona Di'.

*tradukis* (*10/9/2014*)



**Roland Platteau (Francujo)**

## Sali Bashota



# La ŝtono de la amo

Mi apenaŭ vin forgesis
Dum multe gravuris
Mia ŝtono
Nun kion mi aldiru la patrinon
Kiam la okuloj ne plu vidas
Mia ŝtono
Sur la montaro de Kosovo
Somerpinte la neĝo
Blanka ĉapo
Kiom multe mi estas gravurinta
Ne forgesinte
Mia morta ŝtono

# La ŝirita albumo

Kiam vagas sencele, kio vin atendas
Traborita ŝtono aŭ lirika poeziaĵo
Longjare mi trafoliumas la ŝiritan albumon
Manĝante la ekzilan panon
Ĝiskiam el la okuloj sango aspergas
Ĉu oni skribos tutan historion
En la ne plenumita tempo
Aŭ la bebo forgesos la patrinan mamon
Denove estas tondrante
Ne hardita hakilo
En la sortaj arboj
Kaj longjare mi trafoliumas la ŝiritan albumon
Ĝiskiam vin trompos la bluaj okuloj



# La mortigo de la inspiro

Subite iun ĉasadtagon
Mi estas malbeninta per ĉio
La Kukolon de la malĝojo
Strange la vero vekiĝas kvazaŭ vampiro
Por sangumigi la ruĝiĝintan sunon
Super la blankhariĝintaj kapoj
Kial vi ŝatis la vivon, falsa pentraĵo
La trotadon de la Trojaj ĉevaloj
La sorton de la memmortiganta Jesenino
Kaj la malfidelan virinon
Kiu mordas la korojn de la plenkreskuloj
Kelkiu erigas la jarojn la jarcentojn
En mia forlasita biblioteko
Katina miaŭado
Korvara grakado
Lupara ululado
Subite iun promenadan tagon

Mi estas mortiginte ankaŭ mian inspiron
Ububu, kiel nun mi kresku
*(ĉiuj el la libro "Ŝirita albumo", 1986)*
*Tradukis*



**Bardhyl Selimi**

**(Albanio)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



## Funebre pri mia fratino

—laŭ ĉinesko Siyuanren*

Via mien' ankoraŭ
freŝe en memor'
mia restas,
viziiĝas
en imag' vapor'.

Via rido kun sonor'
sonas en ĉi hor'
jen ĉe oreloj
miaj klare
ja tuj en malfor'.

Hieraŭ ni babilis
varme kun fervor'
pri l' famili'
pri l' estontec'
laŭ sorta favor'

Sed nun vi jam iris for
sen disiĝa plor'.
Mi diru al vi:
mi gravuros
vin en mia kor'.



*21-09-2014*

**Siyuanren (Sopiro al fora homo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvin versoj de 75, 445 / 7,5,545 silaboj respektive, laŭ rimaranĝo xa,xxa / a, a, xxa (x=senrima)*

**Jadranka Miric (Serbujo)**



## Aŭtuno

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Aŭtuno
alvenis pene,
honte tra branĉaro,
kisante teron bene,
kaj herbojn ene.

Malbono
ekis pluvduŝe.
Herbejoj ŝlimoplenas,
rompis sentuŝe
kuŝis ventpuŝe.

Surprizo
forme de neĝo
sur Kopaonik monto.
Naturŝanĝo sen preĝo
indas Terleĝo.

Subita
vento susuro.
Putranta foliaro
amasiĝas ĉe muro.
Lumbrikospuro.

Nubeto
vente blovita.
Zefire ornamita
kaŝado nefinita
de sun' bakita.



*Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).

## Viktoro (Ĉinujo)

### Naturo minacas

—laŭ ĉinesko Queqiaoxian*

Ho, denove
granda tertrem'
skuas teron forte.
homoj rifuĝas dise
baraktas
malbonsorte.

Montoj glitas,
domoj falas.
Surtere malorde
kuŝas ruboj betonaj.
Frida vent'
pikas morde.

Kiu povus
ĝin reg-jungi?
Ĉu l' Budho aŭ la Di'?
La Naturo rikanas
pri homoj
kun ironi'.

La homaro
ne dependas
de ajna religi',
sed savu sin el danĝer'
memfide
kun energi'.



*05-08-2014*

**Queqiaoxian (Feino sur piga ponto): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 6 versoj de 446, 734 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa,xxa (x=senrima)*

## Lily (Ĉinujo)

### Fiasko en amor'

—laŭ ĉinesko Niannujiao*

I.

En la lito
kuŝante
mi brulas de pasi'
ĉe lia flank'
alglue
al korpa dimensi'.
en mia mens'
kirle bolas
seksa fantazi'
jam prete por
erupta afekci'.

Mi etendas manon
knedas karese
kacon de li,
tamen mola
ĝi restas
sen erekta funkci'.
Mi ĝin suĉas
kaj lekas lange,
li kun anksi'
skuas kapon
sen ajna energi'.

II.

"Mi jam ne plu
atendi
povas, mia sinjor'!"
Bedaŭrinde
li diras:
"Mi vere kun fervor'
volus ege
vin enveni

per ekscita bor',
mi bedaŭras
pri kaca senlabor'."

Mi ankoraŭfoje
forte incitas
lin jen dum hor',
sed maldura
ĝi restas
kiel velkinta flor'.
Vana peno
ja min deprimas.
Kun kora plor'
mi renkontas
fiaskon en amor'.

*Niannujiao (Ĉarma kantistino): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 11 versoj de 436, 436,445,46 / 654,436,454,46 silaboj, laŭ rimarangĝo xxa, xxa,xxa,xa (x = senrima)*

**Anĝej Laski**

## Vitra vazo kun suda ĉielo

– Kion por vi mi devas alveturigi? – li preskaŭ kriis al aŭskultilo. – Kion vi volas? Kian donacon, memoraĵon? – ŝi tre malbone aŭdis lin, al ŝi atingis nur pecoj de frazoj.

– Alveturigu ĉielon al mi, – ŝi rikanis al aŭskultilo.

– Kion?

– Alveturigu ĉielon. Nemulte. Oni parolas, ke tie ĝi estas bela kaj odoris per maro, – dum tuta vivo ŝi neniam estis ĉe maro, ne estis okazo. Sed nun, kiam oni ne ellasis ŝin de laboro, li veturis sen ŝi. Certe estis malgaje kaj ofende. Sed vojaĝilo kaj biletoj ne devas perdiĝi.

– Kiel tio – ĉielo?

– Elpensu!

– Ĉu? – oni povis pensi, ke telefono ne estas, kaj li provas paroli kun ŝi trans centojn da kilomertoj kunmetinte manojn kiel sontubon.

– Elpensu, mi parolas!

– Ĉu vi ŝercas? – el tiu tuta frazo ŝi aŭdis nur "Ĉu vi ŝe?", sed sencon ŝi komprenis.

– Ne, mia knabo, mi ne ŝercas. Alveturigu al mi ĉielon!

– Bone. Mi kisas vin! – parolado finiĝis. – En telefono mono finiĝas. Adiaŭ! – malbona komunikiĝo ŝiris liajn vortojn. Bruo de ondofrapado kaj muĝado de nevidebla por ŝi ŝipo (verŝajne telefona aparato staris ie apud haveno) supersonis amatan voĉon. Al ŝi ŝajnis, ke tuj al ĉambro mara ondo ekfluos, sala mara vento aperos, krioj de mevoj aŭdiĝos…

– Kaj mi ankaŭ tre amas vin! – ŝi premis al butono "halt", por ke rapide liberiĝi el miraĝo. En televidilo, kiel ĉiam en lasta tempo, oni demonstris ian spektaĵon. Ŝi neniam rigardis ĝin, sed dum "ŝia knabo" ne estis, ĝi plenigis spacon per voĉoj de gvidantoj, de homoj, kiujn ŝi neniam sciis kaj neniam scios propre, per bildoj de aliula vivo. Kiam ŝi estis sola, ŝi ne povis resti en senbrueco. Senbrueco estis pli forte ol ŝi, ĝi premis per tuta sia pezo farante ŝian solecon ankoraŭ pli grandan.

…Kaj li revenis. Li revenis bela, sunbruna. Kun si li portis pezan malhele bluan valizon.

– Mi petis vin alveturigi al mi nemultan ĉielon, sed ĉu vi alveturigis plenan valizon? – ŝi ridetis kaj kisis lin al nazo.

– Jes, jes, jes, rigardu, rigardu, – li malfermis valizon kaj komencis elmeti de tie ajnaĵojn. – Rigardu, kia estas bidaro! Al mi ŝajnas, ke ĝi devas plaĉi al vi, – bidaro efektive estis belega: en mezo estis granda ĉielblua kruco, de ĝi al unu flanko kaj al alia flanko oni surfadenigis vitrajn globetojn kun sama koloro. – Tiu bidaro nomiĝas "Suda Kruco". Ĉu la bidaro efektive estas bela?

Ŝi turnis la bidaron en mano, rigardis tra la bidaro sunon.

– Jes, tre bela.

– Rigardu, – li elmetis el valizo grandan konkon. – se vi almetos la konkon al orelo, do vi povas ekaŭdi maron. Tiel, ĉiuokaze, oni parolas.

Ŝi prenis konkon kaj almetis ĝin al orelo. Certe ŝi sciis, ke eĉ en rivera konketo oni povas ekaŭdi vokon de maraj ondoj, susuron de ondofrapado, kraketon de malseka sablo sub piedoj. Tio nur estas elpensaĵo, kiu dum jarcentoj ĝojigas homojn. Ĉio dependas nur pro tio, kiel malproksimen povas enkonduki propra fantazio. Ŝi simple volis fari al li ion agrablan. En la konko io efektive ekbruis, tiu sono nemulte similis obtuzan bruon de ondofrapado. Ŝi tuj rememoris ilian paroladon per telefono, fajfegon de vaporŝipoj, kriojn de mevoj…

– Bonege, – ŝi metis la konkon apud si.

– Kaj jen ankaŭ, – li daŭrigis fosi en valizo elmetante al flanko veston, razilon, dentobroson kaj dentopaston, sandalojn. – Rigardu! – en lia mano aperis vera krabo, pli precize ĝia remburita figuro. Li tenis ĝin per du fingroj je flankoj. La krabo larĝe disŝovis siajn piedojn kaj havis protrudajn okulojn. – Rigardu! – li ekridis. – Ĝia nomo estas Kapitano!

– Kial? – ŝi fiksrigardis la miraklon de mara mondo. Pli frue ŝi vidis krabojn nur en televidilo.

– Rigardu, kia ĝi estas. Se ĝi havus kapitanan kasketon kaj pipon, ĝi estus vera kapitano, kapitano de malproksima navigado.

– Jes, mi komprenas, – ŝi metis la krabon sur manplaton kaj tuŝis ĝian ĥitinan karapacon. – Malmola haŭto.

– Tio ne estas haŭto. Ĝia haŭto estas interne. Kiaj kraboj estas gustaj! – li reveme fermis okulojn kaj karesis sian sunbrunan ventron.

Ŝi kuntiris brovojn kaj rigardis lin malserene:

– Ĉu li tie manĝis krabojn?

– Ne, ne, ne, – li korektis sin kompreninte sian eraron. – Ne, mi ne manĝis ilin. Kelnero en bufedejo rakontis. Mi volis mendi, sed mi ne sufiĉis monon.

– “Kapitan’, kapitan’ sin ordigu! Nur kuraĝuloj konkeras marojn”, – ŝi ree atentis la krabon.

– Kaj tuj estos ĉefa! – li elmetis el fundo de valizo grandan trilitran vazon. – Suda ĉielo!

La vitra vazo estis preskaŭ malplena. Sed sur fundo de la vazo estis nemulte da blanka sablo kun malgrandaj konkoj. Li, certe, penis – peneme forlavis etikedon.

– Kaj kie estas ĉielo?

– Tie, – li flustris kaj montris al la vazo. – Verŝajne ĝi dormas, laciĝis dum vojo.

– Mi imagis ĝin iel alie. – ŝi mediteme diris. – Mi pensis, ke ĝi estas pli malluma.

– Ni atendu, kiam ĝi vekiĝos. Estis longa vojo. Ni laciĝis.

Ŝi prenis per manoj la vazon kaj zorge starigis ĝin en ŝrankon. Apud la vazo la krabo baziĝis.

– Kapitano! Gardu ĉielon! – ŝi flustris al ĝi.

– Ĉu kun kiu vi parolas?

– Kun ĝi, – ŝi montris la krabon.

– Iru al mi, – li tiris ŝin je mano. – Mi tre sopirenuis pri vi.

Kiam trans fenestro estis malfrua nokto, ŝi vekiĝis. Apude li dormis ĉirkaŭpreninte ŝin per mano kaj nazosiblante. Sed io konfuzis ŝin en tiu mallumo. Io maltrankviligis ŝin, ĝemis, malhelpis dormi. Komence ŝi pensis, ke tio simpla maltrankvilo pro lia reveno, sed nemulte poste ŝi komprenis, ke la maltrankvilon tio ne koncernas. Ŝi daŭrigis kuŝi en lito iufoje fermante okulojn. Ŝi kuŝis, pri io pensis. Kvankam ŝiaj pensoj estis nekompreneblaj, malsaĝaj, amasigitaj kiel etaĝoj de multaetaĝa domo, dormo ne venis. Dormo perdis vojon en ŝiaj pensoj. Dormo ne estis kaj ne estis.

Ŝi mallaŭte stariĝis de lito, por ke li ne vekiĝu, kaj aliris al fenestro. Trans fenestro estis urbo, helaj pro noktaj lumoj, estis longa aŭtovojo. Kvankam nun tio estis eĉ ne urbo,

sed estis ia ĉeesto de urbo. La urbo ne diris sian nomon kaj ne respondis post demandoj. Por ŝi iĝis enue, ŝi fermis fenestron per pezaj kurtenoj.

Ŝia rigardo falis al la vazo. La vazo malhele brilis lumante Kapitanon, kiu trankvile staris sur sia posteno. Komence ŝi ne kredis al siaj okuloj. "Ĉu suda ĉielo? Tio ne povas esti!"

Ŝi prenis la vazon de breto kaj sidiĝis sur tapiŝon en ĉambro daŭrigante fiksrigardi la vazon. Tio estis nekredeble, sed ĉielo efektive malhele brilis. En la vazo ekbrilis kaj finbrilis malgrandaj steletoj. Ŝi eĉ povis fiksrigardi Grandan kaj Malgrandan Ursinojn, tra ili dume ne klare vidiĝis Lakta Vojo. Blanka sablo en fundo de la vazo kreis nekredeblan, ŝokan iluzion de mondo en mondo. Ŝi sidis kaj rigardis tiun malgrandan miraklon.

Steloj iĝis pli helaj, respeguliĝis sur vitro per konstelacio: Pafarkisto, kiu pafas per sago al Leono, Akvaverŝisto, kiu lavas gambojn de belega Virgulino, Oriono, filo de Posejdono, kiu oferdonis al Altaro Virŝafon.

Por ke esti pli proksime al mirakla suda ĉielo, ŝi ĉirkaŭprenis la vazon per manoj kaj alpremiĝis al ĝi per nazo. Kaj la vazo estis varma, kvazaŭ en ĝi estis ĵus melkita lakto.

Kaj jen ie en ĉambro, en plej malhela ĝia angulo jam plaŭdis ondoj de malproksima maro – ŝi klare aŭdis ilian mallaŭtan flustron; en tapiŝo susuris varma sablo – ŝi eĉ rastis ĝin sub la vazo, por ke la vazo ne malvarmiĝu. Kaj jen tiel kuŝante ŝi admiris malproksiman Sudan Krucon kaj enspiris salan odoron de mara vento. La vento alportis al ŝi kriojn de mevoj, knaron de rustaj traboj de ŝipoj de fiŝistoj, fajfegojn de militaj ŝipoj, spiradon de maraj loĝantoj.

"Kaj sed se…" – ŝi pensis kaj en sekva sekundo malfermis kovrilon de la vazo. La kovrilo forflugis kun laŭta bruo. Ŝajnis, suda ĉielo atendis nur tion: ĝi transformiĝis kiel tornado, steloj rondflugis pli rapide kaj pli rapide, sablo en fundo de la vazo transformiĝis kiel vera sabla ŝtormo. Mallaŭta mara venteto iĝis obtuza bruo. Suda ĉielo elsaltis al blanka plafono kaj malfluiĝis tie. Nun ĝi estis ne tia malgranda kiel en la vazo. La ĉielo surtiriĝis sur tuta plafono de ĉambro. Konstelacioj iĝis pli helaj, ĉielo iĝis pli proksime. Kvazaŭ bruo de ondofrapado kaj krioj de mevoj iĝis klare aŭdeblaj. Kaj mara sala vento promenis laŭ tuta ĉambro karese taŭzante ŝian multekoloran silkan robon, provante penetri sub ĝi. Kaj kvazaŭ sablo iĝis pli multe. Ŝi kuŝis sub tiu malluma suda ĉielo ĵetinte malantaŭen manojn post kapon.

— Kio estas tio? – ŝi ni rimarkis, kiel li vekiĝis kaj ekvidis profunda varma ĉielo super kapo.

— Suda ĉielo. El vazo.

*Ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

*Esperantigis*

## Igorj Ĥomjakov (Rusujo)

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_